# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

14-a jaro (Numero 1) 1935
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktoro: E. J. BOLTJES.** Engelsche laan 30. **Winschoten** ((Nederlando)
**Administranto: P. KORTE.** Schoolstraat 13. **Veendam** (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
**Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME.** 21. Glenalmond Rd **Sheffield** (Anglujo)
**Sekretario de TAGE: W. H. MOOK.** Nassauplein 15a **Groningen** (Nederlando)
**2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda** (Gr). (Nederlando)

## Por 1935

»Ni zorgu pri la kvalito. La kvanto prizorgos sin mem«

En la unuaj tagoj de nova jaro, la homoj emas prezenti al si la estontan periodon kaj provas diveni kion ĝi alportos al ili. Kompreneble ili esperas la plej bonan kaj deziras al siaj amikoj la samon.

La laborkomitatanoj de TAGE kaj IPR. nur estas tiaj homoj; ili deziras al ĉiuj gekonatoj, foraj kaj proksimaj, la plej bonan por la nuna jaro. Sed ili ankaŭ pensas pri la asocia laboro dum la venontaj tagoj.

Pri tio mi volas skribi kelkajn pensojn miajn:

La pasinta jaro ne tro malfavoris nin; nia organizo ankoraŭ vivas, eĉ progresas kaj tio jam estas signo ke ĝi enhavas sanan rezisto-povon. El pluraj anguloj ja minacis la danĝero; kelkaj »samideanoj« jam anoncis ĝian proksiman pereon. Ke ĝi do ankoraŭ ne nur vivas, sed krome bonfartas, rajtigas nin eniri la nunan jaron kun esperplena fido.

Novajn amikojn TAGE kolektis ĉe la malnovaj batalantoj en 1934. Kaj certe tiu nombro kreskos en 1935. Bedaŭrinde nur estas ke ĉiam kelkaj ŝajne aniĝas sed fakte nur aliĝas. Poŝt iu tempo ili ne pagas la kotizon kaj malaperas en la granda nekonatejo, de kie ili neniam plu aŭdigas sian voĉon. Tie ili nur murmure plendas en si mem ke la lingva movado tiel malrapide progresas!! . . .

Fervora subtenanto de nia por-instruista laboro en Egiptujo skribis al mi en la lastaj tagoj pri la stato de nia varbado kaj li proponas por la nova jaro la devizon, kiun mi skribis supre de mia artikolo: »Ni zorgu pri la kvalito kaj la kvanto prizorgos sin mem.«

Laŭ mi li ege pravas. Plej unue la kvalito; per la dediĉa laboro de bonkvalita, celkonscia grupo ni certe akiros la amason, la kvanton. Kolektante la »kernon«, multaj ŝeleroj de la frukto perdiĝas ĉien: ne gravas. Ke ili perdiĝu, tial ke ili ja nur estas »ŝeleroj« kaj pro tio ne valoras. Sed la kolektado de la puraj kernoj estas grava tasko.

Por tiu grava tasko TAGE petas al ĉiuj siaj kolektantoj ilian bon-

volan kunlaboron. Alportu la kernojn!! Ĉiu kolego, kiu vere komprenos nian celon, kaj volas helpi iel, estas tutkore bonvena. *La aliajn ni ne plu bezonas!* En la nuna tempo de streĉa, prepara laboro, tiuj, laŭ mia sperto, nur malhelpas kaj barikadas niajn movojn.

Poste, kiam la konstruantoj finpretigis la domon, ankaŭ la »kvanto« povos eniri. Nur tiam, ne pli frue!! Tiam ni plenlarĝe malfermos la pordojn kaj diros: Nun, eniru vi »gekolegoj« kaj estu bonvenaj; profitu la laboron de viaj antaŭuloj; sidiĝu komforte sur la seĝojn, kiujn ili ŝvite preparis kaj prenu la fruktojn, kiujn ili pene rikoltis

Nur tiam. Ne pli frue. Por la nuna tempo ni malfermos la malvastan pordon de nia provizora laborejo por kolego kiu frapas kaj kiu respondas per tutsincera »jes« je nia demando: »Ĉu vi vere volas alporti vian brikon? Vian oferon? Vian laboron?« Por 1935 ni kontentiĝu pri la »kvalito«. La tempo por la »kvanto« ankoraŭ ne alvenis. *P. K.*

# La vivo kaj studo de lernanto dum la XIII-a jarcento

La vivo de la lernantoj dum la Mezepoko fariĝis la temo de la plej erudiciaj studoj, kiuj precize malkovris al ni iliajn laborojn kaj kutimojn, iliajn severajn devojn kaj nemaloftajn distraĵojn.

Tiuj studoj estis necesaj, ĉar la imagaĵo pri la bruema kaj kverelema studento, spitanta al la burĝoj kaj bastonanta la patrolon, ema al petolaĵoj kaj drinkadoj, al ŝteletoj kaj kvereloj, mallaborema kaj aventurema, strange aliigis la veron. Estis laŭ la ŝablono de Villon — malinda modelo en la studfako — kaj de Gringoire en »Notre Dame de Paris«, ke oni ĝin imagis volonte. Ne absolute legendaj estis la tipoj de tiuj lernantoj, sed tute erare estus kredi ke la popolo de la »latina lando« konsistis nur el tiaj regatoj. Ĉi-tiuj rilatas pli al la pitoreska literaturo aŭ romano ol al pedagogio; ni scias ke siatempe ili plimulte konatiĝis kun la polico ol kun la Universitato. La »Alma Mater« estis indulgema sendube al la tumultemo de la junuloj, sed ni ne forgesu ke la tiamaj moroj estis maldolĉaj, la studoj longaj kaj morrigoraj kaj la punoj en la kolegioj tiel brutecaj ke oni ne povas ilin elvoki ne tremetante pro indigno, kiel faris Montaigne je ilia primemoro.

Fakte, la Pariza Universitato ampleksis dum la XIIIa jarcento, kiel hodiaŭ, inter la miloj da studentoj kiujn ĝia prestiĝo altiris al ĝi, plimulton da laboremaj kaj studemaj lernantoj. Multaj el ili estis malriĉaj aŭ el modesta socia medio; ili celis al ekleziaj aŭ juraj oficoj; ili sciis ke por tiujn konkeri, necesis ke dum multaj tagoj ili longe kaj streĉe laboru, ke ili sukcesu malfacilajn ekzamenojn antaŭ sciencoriĉaj profesoroj. Aliaj venis de siaj provincoj, akirinte la unuajn elementojn en la episkopaj lernejoj; ili sin tutĵetis en la studon de la latina lingvo — lingvo de la Universitato — de la teologio kaj de la liberaj artoj. La elspezoj estis multepezaj por iliaj familioj, malcertaj estis la esperitaj oficoj. Provizitaj je maldika buĝeto, devigataj al multnombraj lecionoj kaj argumentadoj, oni malĝuste ilin reprezentas al si vagantajn dum la tuta tago aŭ festenantajn dumnokte. La estimo de la profesoroj garantiis ilian estonton: Kelkiuj, kun admirinda

# *Kunveno de britaj esperantistaj geinstruistoj*

Ĉiujare dum kristnaskaj libertempoj okazas en Londono eduka kunvenaro, kiun ĉeestas geinstruistoj el ĉiuj partoj de Britujo. La BEA eduka komitato kredis ke tiu estas oportuna tempo por kunsido de instruistaj esperantistoj, kaj nia energia agento de TAGE, F-ino V. C. Nixon, kiu estas ankaŭ sekr-ino de la komitato, aranĝis tian kunsidon sabaton (5 jan.) ĉe la konsilantara ĉambro de University College.

Almenaŭ 60 ĉeestis, bonaj reprezentantoj de diversaj tipoj: kaj la diskuto de la traktaĵo estis vigla kaj praktika.

Je la komenco, F-ino Nixon faris mallongan, viglan propagandan parolon pri TAGE kaj IPR. Ŝi havis ekzemplerojn por interesuloj.

---

persistemo, sekvadis ĝis sia tridekjaraĝo, studojn komencitajn tuj post infanaĝo. Inter tiuj ĉi varbis la Eklezio, la reĝo kaj la princoj siajn plej fervorajn servantojn Oni nin senkulpigu ke ni prezenti, kaj pro pli granda facileco laŭ la rakonta formo, la vivon kaj la studon de unu el ili: leteroj kaj dokumentoj fidindaj povus okaze precizigi ĉiun trajton de nia rakonto.

Jean Favre havis kiel patron oraĵiston kies nomo ŝajne estis antaŭdifinota por tiu profesio — en la urbo Châlons en Ĉampanio. Honorindulo estis Mastro Favre kaj bonfamigata en sia korporacio. Li multe ŝatis la scion kaj trovis nenion pli bela ol la elokventecon kaj la klerecon de la studentoj, dirante ke ili supervaloris la oron kiun li prilaboris.

Ĉar li jam observis en sia filo, viglan spiriton kaj fidelan memoron, li frue konfidis lin al la magistroj; la infano studis en la episkopa lernejo kiun la feliĉegulo Sankta Loup fondis en la jaro 585, en Châlons kaj kiun la monaĥa estraro tiom prosperigis, ke oni vidis en ĝi junajn nobelojn sidantajn apud laboristaj filoj. Tie, estrite de la kanoniko kiu havis la eminentan titolon »Granda kantoro«, li lernis legi, skribi, kalkuli. Li ekzerciĝis en la aritmetiko kaj garmatiko. Li multe kaj rapide progresis. Tial kiam li atingis sian deksesan jaron, liaj instruistoj, mirigitaj de lia facila lernemo, konsilis al Mastro Favre ke li sendu lin al Parizo por daŭrigi liajn studojn en la urbo kie floradis ĉiu scienco kaj kiun ili nomis en sia mistika entuziasmo. »La Templo de Salomon, la Sankta Jerusalem bonodoranta pro la intelektaj aromaĵoj.«

Tiel, la malgranda Johano, en la jaro 1260a, — dum la regado de la bona reĝo Ludoviko la IXa sanktiganta la reĝlandon per la ekzemplo de sia pieco kaj virto — fariĝis lernanto de la Pariza Universitato. Li estis enskribata sub la nomo Johanis Faber Catalaunensis kaj de nun, parolis latine pli ofte ol france. Ne ĉar li forgesis sian denaskan lingvaĵon, sed en la lingvo de Romo kaj de la Eklezio li devis nun aŭdi la lecionojn kaj partopreni en la argumentadoj.

Anstataŭ gastigi lin en iu gastejo kaj doni al li tro multekostan serviston kun eble dubemora konduto, lia patro preferis loĝigi lin ĉe unu lia samprofesiulo kiu havis sian butikon apud Notre-Dame: tiel li estus pli bone prizorgata en sia konduto kaj malpli ema vizitadi la drinkejestrojn. Kiam, iumatene, provizita je skribtabuleto, iom da pergameno kaj grama-

Inter la temoj estis sugestio, ke oni donacu premiojn al lernej-infanoj, se iu lernejo proponas almenaŭ kvin, kiuj ekzameniĝos buŝe kaj skribe en Esp.

Dum la fruaj tempoj oni intencas ke oni kuraĝigu la infanojn, ke ili lernu, plue ol konkurigi ilin kontraŭ aliaj.

Post diskutado, oni decidis ke la grupoj laŭaĝaj kaj la ĉefa skriba demandaĵo estu: 1. sub 12 jaraj: letero. 2. 12 ĝis 15 jaraj: rakonto. 3. pli ol 15: traktato pri temo elektota el diversaj.

Buŝe, la regiona ekzamenanto havus iome larĝan elekton de metodoj por taŭgigi la ekzamenon al diversaj instrumetodoj.

Pri la enkonduko de Esp. en la lernejon ni havis spertojn kaj sugestiojn el — aŭ pri — la laboro de kelkaj gekolegoj. F-ino Edwardes (Bishop Auckland) komencis kun priskribo de siaj spertoj kaj de la

---

tiko de Donnat, nia juna Campaniano laŭiris supren la deklivon de la monto Sainte Geneviève, granda estis lia emocio. La antikva »rue du Fouarre« malfermiĝis antaŭ li, bruanta pro amaso da lernantoj kiuj alpaŝis, iuj de siaj loĝejoj, la aliaj de la apudaj kolegioj, kaj ĉiuj malaperis en unu el la kvar domegoj de tiu strato kie kutime instruis la magistroj. Sekvante ilin, li tien enpenetris. Atinginte maldelikatan benkon, li sidiĝis, la piedojn en la fojno kiu servis kiel tapiŝo, li rigardis al la profesoro staranta en sia katedro kaj aŭdis unuafoje unu el la plej kleraj scienculoj en la Fakultato pri Artoj, paroladi pri gramatiko tra teksto de Boëce. Lia lingvaĵo ravis nian studenton, kvankam li ne komprenis ĝin tute. Ĉirkaŭ li sama admirsilento; Li povis observi ke maturaj homoj intermiksiĝis kun junuloj, kaj malriĉuloj kun eluzitaj manteloj kubutnajbaris riĉajn bele vestitajn lernantojn kiujn atendis ekstere iliaj servistoj. Sed kiam la profesoro elfininte sian klarigon, eksignis la diskutadon, estiĝis tre vigla interŝanĝado de paroloj kaj argumentoj en kiu partoprenis nur la plej kleraj, tiuj kiuj dediĉis sin al la magistreco. Iom post iom, la aliaj ankaŭ ekvigliĝis, la diskutado atingis la plej timemajn kaj, kiam la leciono estis finita, la lernantoj disiĝis diskutante grupope sur la stratoj kaj placoj.

Tiel okazis ĉiutage. Persisteme kaj ofte entuziasme Johano ĉeestadis la instruojn de la Fakultato pri Artoj. Li ĝutrinkis la elokventecon ĉe la fonto mem, li parolis kun iu sia kamarado pri la plej malfacilaj demandoj, ambaŭ penante enpenetri en la penson de la magistroj kaj konvinkiĝinte de la alta merito de siaj studoj ŝatante ripeti unu al la alia la familiaran distikon:

»Kiu la sep artojn ĉiujn scius
»Tiu en ĉiuj leĝoj kredata estus.«

Laborplenaj tagoj kiuj ofte plilongiĝis en noktajn studojn. Sed ankaŭ la libertempo ne maloftis. Festoj donis liberecon al la lernantoj; okazis ankaŭ ke profesoro estis malsana aŭ forestis, aŭ ke, la morgaŭan tagon de »tumulto«, oni povis legi sur la pordoj de la lernejoj la konatan surskribon »Hodie non legi« (hodiaŭ oni ne legas). Tiam la studentoj iris promenadi laŭplaĉe kaj Johano Favre iris kun sia amiko sur la »Pré aux Clercs« kie somere ili petolis sur la herbejo, en la ombro de la salikejoj, en loko kiun la studentoj pretendis esti donita al ili de Karlo la Granda. Sed li zorge evitis frekventi la malbonajn lernantojn, tiujn »goliards« (diboĉ-

metodoj, kiujn ŝi kredas plivaloraj por kolegoj enkondukante la instruon. Sekvis rimarkoj, demandoj, diskutado, de spertuloj kaj nespertuloj; kiuj ŝajnis utilaj kaj helpemaj.

Pri la ebleco ke oni enigu Esp. inter la diversaj temoj studotaj por la eksiĝaj kaj aliaj publikaj ekzamenoj ni aŭdis opiniojn el tre diversaj vidpunktoj. Estis inter ni inspektoroj, ekzamenistoj, spertuloj pri la ĉefaj lernejekzamenoj. Tiuj sugestis eblecojn, malfacilojn, metodojn kaj kontraŭaĵojn; entute, eble la plej praktika diskuto de tiu flanko, kiun mi iam aŭdis. Fine oni proponis ke malmulte da spertaj kolegoj kunlaboru por pretigi eblan programon de 4-jara lernejkurso. Poste, ke oni prezentu ĝin al ĉiuj konataj Esp. instruistoj, petante iliajn opiniojn pri ĝi. Sekve oni povos memfide prezenti la rezultaton al la edukaj aŭtoritatoj.

Oni sugestis ke la modesteco de instruistoj mem ofte malhelpas

---

ajn studentojn) kiuj ne hezitis aŭtune prirabi la vinberejojn de la abatejoj Saint-Victor kaj Saint Germain des Prés, pri kio la monaĥoj multe koleris, ĉar tiuj estis por ili la plej multekostaj el ĉiuj bienoj, kaj kiujmalhonoro de la Universitato, teruro de la burĝoj — evitis la karceron nur per forkuro. Kial ili ne fariĝis militistoj?

Pri ili, la reĝo Philippe-Auguste diris iam: »Ili estas pli maltimemaj ol la kavaliroj; la kavaliroj kovritaj per siaj armaĵoj hezitas ekbatali. La' studentoj kiuj havas nek maŝĉemizon nek kaskon, kun sia tonsurita kapo ĵetas sin unu kontraŭ la alian kaj skermas per tranĉilo.«

Al ĉi-tiuj Johano preferis studemajn kaj pli kvietajn kunulojn kiuj modeste vivis kaj kies prudento supervenkis en la kunvenoj, en tiuj konvencietoj okazigataj kelkiam en la preĝejo Saint Jean la Pauvre. Inter ili, iuj estis tre malriĉaj kaj la amikoj rakontis al si volonte kaj ŝerce la historion de tiu, kiu iumatene ĉe tagiĝo, en la momento kiam la reĝo Ludoviko la IXa iris por aŭdi la meson en la sankta kapelo, subite malfermis la fefenestron kaj verŝis sur la procesion la enhavon de sia »orinal« (noktovazo). La reĝo estis atingita: granda indigno de la gardistoj unu el kiuj supreniris al la kulpulo. Sed eksciante ke li estis tute senhava kaj laboris kuraĝe, je tia frua horo, ne nur pardonis la reĝo, sed plie faris al li belan donacon por rekompenci lian fervoron. Tamen okazis ke la plej pacemaj, kiam la pordoj de la Universitato estis minacataj, agis defende. Ĉiuj konsciis sian fortecon kaj konis la historion de sia nobla korporacio. Johano Favre konis kiel la aliaj, ĉiujn detalojn pri tiu granda »tumulto« en la jaro 1200a kiun naskigis kverelo inter lernantoj kaj burĝoj. Ĉar la lakeo de germana lernanto estis batmortigita de drinkejestro, ĉi-tiu siavice estis mortigita de la studentoj. Sed la reĝido arestigis kelkiujn el la kulpuloj kaj post interveno de la burĝoj la tuta afero likvidiĝis en batalon dum kiu kvin lernantoj estis mortigataj. Poste, antaŭ la minaco al striko de ĉiuj kursoj, la reĝo estis devigata enkarcerigi sian provoson kaj ruinigi la domojn de la fuĝintaj mortigintoj. Malpli danĝeraj, kvankam tre bruantaj estis la festoj de la Universitato. Johano Faber ilin ŝatis, ĉar lia Ĉampania gajeco tute akordiĝis kun la ĝoja pariza bonhumoro. Li neniam forgesis en la daŭro de siaj studoj viziti la Lendit'ajn foirojn, kaj tiuokaze sekvi la procesion de la Rektoro kiu piediris al Saint-Denis plenumi sian superrigardan

la enkondukon de Esp. en apartajn lernejojn kaj inter la aŭtoritatoj.

Pri helpo de ĵurnaloj, gazetoj, ktp, laŭnome oni diskutis la ĉefajn, kaj sugestis metodojn por havi helpon de ili, kaj ankaŭ de la konferencoj de diversaj sekcioj de la instruistoj.

Kelkfoje dum la kunsido okazis rimarkoj pri la neceseco por ĉia ajn formo de interesigo de la studentoj en instruistaj seminarioj, pro la eventuala enigo de Esp. en la seminarian programon.

---

# Administraj komunikoj

1. **Al ĉiuj:** bv. tuj pagi vian kotizon por 1935, pere de via landa agento aŭ rekte al mi. Per tio vi treege helpas min kaj faciligas mian laboron. Do: ne prokrastu!!

2. Kiam vi ne facile povos pagi eksterlanden laŭ iu, de mi indikita ma-

---

kaj impostan rajton en la vendado de la pergameno. Heroldo trumpetanoncis la solenan tagon kaj la foiro (forum indictum) (la indiko, el kiu korupte, Lendit) komenciĝis la duan sabaton de junio por duonmonata daŭro. Triumfa parado de la Universitato! La kavalkado ekiris de la preĝejo Sainte-Geneviève; ĉe la kapo rajdis la rektoro en pompaj vestoj sur sia kirasita ĉevalo; poste venis liaj oficiroj kun epitogoj, la pedeloj kun la orkapaj bastonoj kaj malantaŭ ili, la lernantoj de la »Kvar Nacioj« ludante fajfilojn, frapante cimbalojn aŭ kantante burleskajn himnojn en fuŝlatino.

Sed tiuj festoj kaj ĝojelmontroj multekostis kaj tro ofte Johano Favre troviĝis senmona: tiam, li skribis al sia familio kiu sendis al li kelkajn moneroјn. Sed ne ĉiuj liaj kamaradoj rilatis kun tiel malavara patro. Unu el ili ricevis post tia peto tiun ironian kaj prudentan respondon: »Certe mia kara filo, mi tutkore sendos al vi monon; sed la pluvoj difektis miajn rikoltojn; en la vinberejoj la birdoj elmanĝis la vinberojn. Necesus sin turni al la procentegistoj, kio estus malsaĝo.« Tiel forpelitaj, la lernantoj elpensis mil pretekstojn por havigi al si iom da mono, skribante al siaj patrinoj, fratinoj pli kompatemaj, al siaj onkloj kaj baptopatroj.

De Lendit al Lendit, de festoj al studoj, Johano travivis naŭ jarojn. Post tiom da legaĵoj kaj argumentadoj, li ekkonis la venkon. Li solene estis nomita magistro kaj, la tagon kiam la licencio estis donata al li, post brilaj respondoj en ĉiuj tezoj, li skribis belan leteron al sia patro por eldiri sian ĝojon, lin rekuraĝigi . . . kaj peti de li pluajn monsubtenojn, ĉar li devis inviti al festeno siajn juĝintojn kaj amikojn, kaj nenial li emis preterlasi trinki post la sukceso. Tion li faris korĝoje.

Li estis dudekkvinjara, kaj mem instruonta en tiu urbo Parizo, tiu dua Ateno, la plej talentoriĉa en la kristana mondo. Li ja esperis tie famiĝi iutage. Lia scio estis vasta, lia spirito kapabla en la plej delikataj diskutoj. Li estis tiel solida en sia fido kiel firma pri Aristoto. Bele parolanta, plie amatoro de kavaliraj poemoj kaj ŝatanta la tiamajn fabeletojn, kaj kredanta ke la plej bela ĉielo estis tiu al kiu suprenŝvebis la sonoj de la sonoriloj de »Notre-Dame« kaj la obtuzaj bruegoj de la »Latina Lando.«

A. Leaud kaj E. Glay (Ecole Liberatrice — 10—11—34)

Tradukis *F. Baronnet*

# La sonoriloj de Ŝoppenstad*

Eble vi jam aŭdis pri la iama konata ŝercemulo, Tejl Uilenspiegel (pr.: Ojlenspiĥel). Mi volas rakonti pri li la jenan historion:

Foje, kiam Tejl vekiĝis en la mateno li diris: »Mi sonĝis pri la afabla Ŝoppenstad; nu, mi iru tien! Mi estas scivola pri ĉio, kio eble okazis tie post la tempo, kiam mi estis infano en la proksima vilaĝo Knejtlingen.«

Li ne sciis, kion fari tie kaj ĉu oni ankoraŭ rekonos lin. Ne gravis: li marŝis kuraĝe antaŭen, kaj baldaŭ li vidis la turojn de la urbeto, elstarantaj super la arboj. La sonoj de la granda sonorilo, kiu estis la plej valora de la tuta ĉirkaŭaĵo, jam atingis liajn orelojn kaj kun plezuro Tejl aŭdis tiujn purajn melodiajn sonojn. Kiam li tie staris, streĉe aŭskultante, li vidis personon, kiu trapaŝas la kampojn, portante barelon sur la dorso. La viro ŝajne devis rapidi, ĉar li preskaŭ kuris kiel vanelo.

»Hej, amiko,« Tejl kriis al li, »haltu momenton kaj rakontu al mi, kio okazis dum la lastaj dekdu jaroj en Ŝoppenstad. Mi naskiĝis en Kneitlingen kaj ne estis tie en dekdu jaroj.

*) Tradukis laŭ la nederlanda: »Snakerijen van Tijl Uilenspiegel.« P. Korte

La viro tamen ne montris emon haltigi sian kuradon. Tejl kure sekvis lin, sed ju pli Tejl trotis, des pli la viro kun la barelo rapidis.

Fine, la viro falis pro puŝiĝo kontraŭ arbradiko, kiu elstaris. Li kuŝis survizaĝe kaj Tejl nun facile atingis lin. »Diru, mi petas, kio okazis en Ŝoppenstad dum la lastaj dekdu jaroj?« diris Tejl.

»Ha, vi; ne demandu! Mi ja ne havas tempon respondi al vi. La malamiko proksimiĝas kaj mi devas averti la homojn en la urbo. Tiam ili povos savi sian havaĵon kaj kaŝi kion ili volas!« li preskaŭ senspire eligis.

»Sed, kiel vi scias ke la malamiko estas venanta?« demandis Tejl.

»Nu, aŭdu nur; jen denove! Tio estas la sonado de tamburoj,« diris la viro, kiu ree surdorsigis sian barelon.

Tejl bone aŭdis, ke ĉi tiu stranga bruado ne devenis de iu tamburo, kiun oni batis en la proksimo, sed ke en la barelo verŝajne estis ŝtono aŭ alia malmola objekto, kiu brue puŝiĝis kontraŭ la vandoj, kiam la barelo skuiĝis. Li tamen ne klarigis tion al la viro, ĉar li sammomente planis ion por mistifiki ĉi tiun viron. Kion? Nu, tion li mem ankoraŭ ne sciis precize. Sed la tempo certe indikos tion al li. Li do, konsternite, preskaŭ balbutante, diris al la viro: »Jes, jes, ankaŭ mi aŭdas tion! Certe tio estas la tamburado de la malamikaj trupoj! Rapidu ni, kaj avertu la bonkorajn

Ŝoppenstadanojn pri la terura, minacanta danĝero. Do, ek, kuregi aŭ perei! Neniu scias, kiaj estos la sekvoj por nia bona urbo, se ni ne sukcesos!«

»Jes, jes, certe ni rapidegu!« kriis la viro. »Aŭdu nun, la tamburoj sonas ĉiam pli laŭte kaj la malamiko proksimiĝas rapide. Ho, ho, kio okazos al ni!«

La viro pravis: la bruo pli kaj pli laŭtiĝis, sed tio ja ne estis miriga, ĉar ju pli rapide la viro kuris, des pli forte la barelo skuiĝis supren-suben, kaj des pli alten saltis la ŝtono.

»Kredeble la rabema grafo de Anhalt-Bernburg almarŝas,« diris Tejl, bone sciante ke tiu kavaliro estas konata en la vasta ĉirkaŭaĵo pro sia rabista karaktero. Tiuj vortoj efikis kiel vipobatoj sur la dorso de la kompatinda viro, kiu per ĉia movo de la barelo, nur aŭdis la tamburadon de la kruela rabisto.

Ambaŭ kuregis freneze al la urbo kaj kvankam Tejl bone komprenis la malpravon de siaj paroloj, li kriis plenvoĉe: »Aŭdu, la rabisto de Anhalt-Bernburg venas! kaŝu vian havaĵon. Savu, kiom eblas! Forkuru! La rabistoj, la rabistoj!«

La kriado de tiuj du tute detruis la kutiman trankvilon en la malvigla urbeto. Tejl kuris tiel rapide, kiel liaj kruroj permesis, kun sia amiko al la urbdomo kaj tie ili sonorigis la sonorilon, por kunvenigi la magistraton. La viroj, kiuj estis anoj de la urbestraro, fulmrapide alkuris por sciiĝi, kio okazas. En unu momento la tuta magistrato kunestis kaj la placo antaŭ

la urbdomo estis plenplena pro la multaj scivolaj urbanoj.

»Kio okazas ĉe ni?« demandis la urbestro al la viroj, kiuj staris ĉirkaŭ li.

Sed neniu sciis ion.

Jen Tejl paŝis antaŭen kaj diris: »O, via Moŝto, la malamiko, la rabistkavaliro de Anhalt-Bernburg estas proksimiĝanta kaj post kelkaj horoj la tuta urbo estos ĉirkaŭata kaj sieĝata de lia bando, tiel ke eĉ muso ne povos forlasi la urbon.«

»Kiel vi sciiĝis tion?« demandis la urbestro.

»Ni tre klare aŭdis la: ran-plan-plan, ran-plan-plan! de la malamikaj tamburoj,« diris nun la viro, kiu faligis pro teruro sian barelon antaŭ la urba pordego.

»Tio estas timiga historio, miaj karaj amikoj,« diris la urbestro nun. Povas esti ke la almarŝanta malamiko volas forrabi nian belsonan sonorilon, kiu estas famkonata en la vasta ĉirkaŭaĵo. Mi demandas: Kion nun fari? Ĉu ni frakasos la sonorilon aŭ ĉu ni cedos ĝin al la senhontaj friponoj, por ke tiuj poste povu diri: »Ĉi tiun sonorilon, la miraklan sonorilon, ni konkiris per nia kuraĝo kaj braveco de la Ŝoppenstadanoj! Malsupren Ŝoppenstad!«

La saĝaj viroj estis tre konfuzaj pro la afero kaj ne povis trovi ian solvon. Ili restis mutaj kiel fiŝoj.

Tiam Tejl paŝis antaŭen kaj diris: »Altestimataj sinjoraj Moŝtoj; tre saĝaj anoj de la urba konsilantaro!

Permesu al via humila servanto kaj honoranto ke li sciigu al vi sian konsilon. Miaopinie ĝi estas la plej bona, kiu ekzistas!«

Parolu, karega amiko!« diris la urbestro, tremanta kiel kareshundeto, kiu ĵus estas lavita. »Ni tre ŝatas aŭdi vian saĝan konsilon en la por ni tre kriza horo. Ĉar ni ne povas nei ke ni pro konsterniĝo preskaŭ perdis nian prudenton. Ni ne povos decidi. Nia brila, belega sonorilo!! Ho, terure, terurege!!«

»Jes, jes, terurege! Ŝoppenstad sen sia sonorilo estus vera urbaĉo en la vasta mondo!« Ĝeme diris unu el la saĝaj konsilantoj. Kaj ĉiuj aliaj ĝemis ankoraŭ pli profunde ol li.

»Nu, saĝaj sinjoraj Moŝtoj, aŭskultu do mian konsilon,« rediris Tejl. »Apude de la urbo estas profunda lago. Oni eĉ diras ke ĝi estas nesondebla. Subakvigu tie ĝisfunde vian sonorilon: tiam la malamiko certe ne trovos ĝin! Kaj kiam li estos for, sen la sonorilo kompreneble, tiam ni rekaptos ĝin kaj pendigos ĝin sur la kutima loko. Pli bona konsilo ne ekzistas! Vere!«

»Tio certe estas brila solvo, estimata sinjoro«, diris la urbestro. »Ek, kunuloj, per komuna laboro ni povos preni la pezan sonorilon el la turo kaj porti ĝin al la lago! Rapidu ni, por ke la senhontuloj nin ne surprizu!«

La sonorilo, la gloro de Ŝoppenstad, nun estis prenata el la turo kaj, sub komando de la urbestro kaj

Tejl, portata al la lago. Kiam ĝi malrapide jam subakviĝis, la urbestro kriis:

»Haltu, viroj; momenton! Se ni ĝin mallevas ĉi tie ĝis la fundo, kiel ni poste povos retrovi la ĝustan lokon, ke ĝi kuŝas?«

»Ho, sinjoro urbestro«, diris Tejl plej eble trankvile, »tiu loko ĉiam estas facile retrovebla. Vidu, mi forte tranĉos ĉi tie per mia tranĉilo en la boatrando. Tiu ĉi entranĉaĵo montros la lokon, kie ni deponis la sonorilon!«

»Ho, viro kun kapo plena de saĝo,« kriis la urbestro, »prave vi parolas! Tranĉu do, sed forte, mi petas!«

Tejl prenis sian tranĉilon, faris profundan enfendon en la rando de la boato kaj post tio oni alfundigis la sonorilon.

Por danki Tejl pro lia unika konsilo, la magistrataj moŝtoj, nomis lin honora civitano de la bona urbo Ŝoppenstad kaj krome la urbestro donis al li sakon, plenan de belaj, novaj, arĝentaj moneroj.

Kun preskaŭ reĝa pompo oni kondukis Tejl al lia hotelo, kaj kiam li tie alvenis, la urba orkestro, ekzistanta al ses sakflutoj, tri tamburoj kaj kvin ŝalmoj, honoris lin per serenado.

Sed, kiam ĉio estis finita kaj Tejl ne nur konsumis la plej bongustajn kaj delikatajn manĝaĵojn, sed ankaŭ plenigis sian valizon per viando, pano kaj ŝinko, li forlasis senbrue la hotelon kaj la urbon, ĉar li

bone komprenis kio okazos la sekvan tagon.

Tamen ne necesis ke Tejl tiel rapidis, ĉar nur post tuta semajno, dum kiam oni zorge ŝlosis la urbajn pordegojn, la magistrato ordonis malfermi ilin. La malamiko ja ne montris sin. Samtempe oni decidis reporti la sonorilon, la faman, sur ĝian antaŭan lokon.

La tuta Moŝtaro, antaŭata de la urbestro, per la sama boato, en kiu oni sidis dum la forportado de la sonorilo, veturis al la mezo de la lago. Kiam oni opiniis esti ĉe la ĝusta loko, la urbestro stariĝis kaj kriis: »Silentu; ĉu la entranĉajo ankoraŭ estas sur la boato?«

»Jes, sinjoro urbestro,« diris la direktilisto. »La tranĉaĵo estas ĉi tie. Vidu nur!«

La urbestro surnazigis siajn okulvitrojn, observis zorge la tranĉaĵon kaj diris: »Nu, jen la ĝusta loko. Mallevu la graplon, kaj tiam baldaŭ ni revidos nian sonorilon!«

La graplo malaperis en la akvon, sed kiomfoje oni suprentiris ĝin, ĉiam ĝi kaptis nenion.

»Strange«, diris la urbestro. »La entranĉaĵo ja troviĝas, ĉi tie! Tion mi tute ne komprenas! Bedaŭre ke Tejl Ojlenspiĥel ne estas ĉe ni por helpi nin per sia saĝa konsilo!«

La tutan tagon oni graplis, sed kiel ajn oni penadis, jen ĉi tie, jen tie, nenio efikis kaj dum malfrua vespero ĉiuj iris urben, lacaj kaj malĝojaj.

Kiam la boato estis ligita al la kajo, la direktilisto diris: »Sed, tio estas tranga! La tranĉaĵo estas ĉie, kie

ni estas! La sonorilo do devas esti ĉie! Ĉu prave aŭ ne?«

La urbestro pugne batis sin forte sur la kapon kaj kriis: »Ho, stulta anaso mi estas! Vi tute pravas! Jes! La tranĉaĵo neniel povas helpi nin! Ho, ke ni nomis tiun friponon honora civitano de nia bona urbo kaj donis al li plensakon da mono. Se li revenos ĉe ni, tiam atendos lin la pendigilo! Hontinde estas tiel trompi nin!« —

Poste okazis plurfoje ke tiaj ruzuloj kiaj Tejl, mistifikis la sagacajn loĝantojn de Ŝoppenstad. Kaj pro tio ili baldaŭ venkis sian naivecon. Nuntempe ne plu vivas iu, kiu agas tiel stulte. Aŭ ĉu vi mem estas iutempe tia Ŝoppenstadano? Gardu vin, ke la ruzega Tejl ne aŭdu tion!

## Problemo

Unufoje ekzistis granda rivero sur kies bordo troviĝis tri blankaj misiistoj kaj tri nigraj kanibaloj. Ekzistis ankaŭ sur la rivero remboato, kiu povas porti ne pli ol du personojn samtempe. Jen nun la problemo — kiel transporti la ses personojn de unu bordo al la alia, uzante nur la remboaton, kaj zorge atentante ke la nombro de kanibaloj lasitaj sur iu bordo dum la transportado, neniam superu la nombron de misiistoj, alie la kanibaloj formanĝos la misiistojn.

(Tiu problemo ne estas tro malfacila por inteligenta infano.)

niero, bv. peti al mi pluajn informojn. Mi certe povos helpi vin!

3. **Al niaj anoj en Jugoslavujo:** Kolego Golobiĉ Peter akceptis mian proponon pri aranĝo de memstara sekcio de TAGE. Bv. vin turni al li. En la sekva numero mi verŝajne pli detale povos informi vin.

4. **Danujo.** Kolego Peter Frey ne plu povas funkcii kiel reprezentanto pro troa okupiteco. Bv. atenti la novan adreson. Rilatu kun nia nova funkcianto pri starigo de dana sekcio. Dansk Esperanto Blad informis vin pri la kondiĉoj.

5. **Al niaj agentoj.** Treege necese estas nun komenci intensan varbadon, per artikoloj k. c. kiam vi bezonas informojn bv. nur peti al mi!

6. **Al klubgvidantoj, kursestroj, ĉe-instruistoj** kaj **redakcioj** de esperanto gazetoj:

En la nuna numero estas presita la dua rakonto por nia infan-literaturo, kiun ni titolis: »Agrablaj horoj.«

La fakto, ke mankas sufiĉa literaturo por junaj esperantistoj, havas nian plenan atenton. Tial nia laborkomitato decidis provi eldoni grandskale tre malmultekostan materialon, kiu konvenas, laŭ stilo kaj enhavo, por junaj komencantoj. Mi proponas nun al vi jenon:

En la komenco, almenaŭ dum 1935a, ni eldonos 6-foje, 8 malgrandajn paĝojn da teksto. Tiujn paĝojn vi povus aldoni al via gazeto, kiel rubriko por infanoj, kaj ni opinias, ke viaj legantoj tre ŝatos tion. Poste, kiam kelkaj folioj aperis, oni povos broŝurigi ilin. Ankaŭ vi povos vendi poste la kompletan libreton de, ni diru, 80 paĝoj, kiu kostas al vi nur la bagatelan sumeton de 0,085 aŭ 0,10 nedl. guld. Ĉar ni povas liveri al vi la foliojn, po 0,85 ned. guld. por ĉiuj 100 ekz. afrankite al via adreso en la jenaj landoj. Abesinio, Argentino, Belgujo, Belgaj kolonioj, Dancigo, Egiptujo, Estonujo, Francujo, Francaj kolonioj, Germanujo, Hispanujo, Kolumbio, Latvujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Nederlandaj kolonioj, Paragvajo, Portugalujo, Rumanujo, Saarteritorio, Sovetio, Svisujo, Turkujo, Tunizio.

En nenomitaj landoj la prezo estas por 100 ekz. po 1,00 ned. guld. (afrankite). Por redakcioj, kiuj tion deziras, ni povos presi la foliojn laŭ alia, pli ŝatata formato. Por kursoj kaj kluboj: oni nun povas akiri tre malmultekostan legmaterialon.

Mi esperas, ke vi komprenas, ke per tia komuna agado la por-infana literaturo povas esti plivastigata laŭ tre malkara maniero. Sed nur, kiam pluraj redakcioj kaj kluboj konsentas.

Kun intereso ni atendas vian ŝatatan respondon kaj eventualan instigon.

Al tiuj kiuj jam respondis kaj mendis mi petas iom da pacienco. La afero nur povos sukcesi tiel malkare, kiam ne kelkaj, sed multaj kunhelpos. Vi certe ricevos respondon!

7. Mi tre petas manuskriptojn por tiu rubriko. Vidu No 5, IPR. 1934. paĝo 66a. La amplekso estu ĉ: 2000 vortoj por tuta numero. Ankaŭ pli malgrandajn ni akceptos.

8. La presisto fuŝe aranĝis en nia antaŭa numero la infanan rubrikon. Pro tio ni nun havigas al vi kroman ekzempleron. **La administranto**

---

# La Bulteno Trimonata

de Januaro 1935, eldonita de FIAI (Parizo) aperis. Rimarkinda estas unu grava fakto! En ĉi tiu eldono estas uzataj nur du lingvoj (franca kaj angla), anstataŭ kvar (ankaŭ germana kaj hispana) kiel en la Bultenoj de 1934. La kaŭzo: la financoj!

La Bureau Exécutif (gvidanta komitato) decidis en sia lasta kun-

sido eldoni estonte la bultenon nur en la franca lingvo. Nur por gravaj problemoj oni aldonos tradukon en aliaj lingvoj. La rezolucioj de la kongreso kaj la komitato aperos en tri lingvoj.

Kial nunjare aperas traduko en la angla lingvo? Oni volas esti ĝentila al la anglaj gekolegoj, ĉar en Aŭgusto okazos la kongreso en Oxford. Same ĝentila oni estis por la hispanaj gekolegoj post la kongreso en Santander. Sed kial oni ne estis ĝentila por la ĉeĥaj geinstruistoj? Ĉu ili ne bone akceptis FIAI en Praha en la pasinta jaro? Kaj ĉu oni estos same ĝentila al alilandaj kolegoj, en kies lando okazos la sekvonta kongreso?

Mi ne aldonos multajn vortojn. La krizo devigis FIAI al unulingveco en la Bulteno. Por tio oni elektis la francan lingvon. Ĉu ili ne scias la ekziston de Esperanto? Ĉu ili neniam spertis la grandajn avantaĝojn de Esperanto en kongreso kaj bulteno?

Jam en 1928 pritraktis nia antaŭa sekretario la aferon: Esperanto kaj FIAI kun la sekretarioj. Ili estis tute konvinkitaj, precipe post la kongreso de IPSI en Hamburgo (laŭ letero de Goldberg en la arkivo) Kaj tamen: ankoraŭ ne Esperanto! Denove unu nacia lingvo kaj pro ĝentileco alia, kaj...

Ĉu vi konas la fizikan leĝon pri la inerto??

## Gravaj instruistaj kunvenoj en Oxford dum aŭgusto 1935

Okazos en Oxford en Aŭgusto de ĉi tiu jaro tri gravaj pedagogiaj kongresoj. De 12 ĝis 14 Aŭgusto kunvenos la ĉe niaj legantoj bone konata Fédération Internationale des Associations d' Instituteurs (FIAI) la grava federacio, al kiu apartenas pli ol 500.000 geinstruistoj. En la kongreso estos pritraktataj:

a. La metodoj uzataj en ĉiu lando por perfektigi la ĝeneralan kaj profesian edukojn de la geinstruistoj deĵorantaj.

b. La eblecoj organizi la instruadon por la paco en la lernejoj.

c. La organizado de libertempaj centroj internaciaj (somerlernejoj) por geinstruistoj en diversaj landoj. (TAGE jam okazigos tian libertempan centron, tre internacian, ĉar ja esperantistan en Arnhem. Vidu la informojn de la laborkomitato!)

Due okazos de 10 ĝis 17 Aŭgusto la kongreso de World Federation (Tutmonda Federacio de Pedagogiaj Asocioj), fondita de usonaj edukistoj post la milito. En 1929 dum la tiama kongreso en Genève ankaŭ en kelkaj kunvenoj estis permesata la uzado de Esperanto. Tiam partoprenis proksimume 50 gekolegoj. Ĉu ankaŭ en ĉi tiu kongreso Esperanto estos permesta kaj uzata, ni ankoraŭ ne scias. Ni jam petis informojn pri tio, sed ankoraŭ ne ricevis respondon. La uzado de Esperanto certe dependos de la nombro de esperantistaj gekolegoj parto-

prenontaj. Tial ni konsilas al niaj anoj, intencantaj partopreni, sendi al ni informon pri tiu. Kaj sendu tuj vian aliĝilon, kune kun la peto, ke oni aranĝu kunvenojn, en kiuj la uzado de Esperanto estos permesata.

En la samaj tagoj kunvenos la Bureau International des Fédérations nationales du personnel de l'enseignement secondaire public (mezlernejaj kaj gimnaziaj geinstruistoj).

Oni intencas kunvoki la diversajn partoprenantojn en unu aŭ kelkaj ĝeneralaj grandaj kunvenoj.

Ni tre rekomendas al niaj esperantistaj gekolegoj, kiuj povos ĉeesti: iru al Oxford!

---

# La kongreso de la F. I. A. I. en Praha

(9, 10, 11 aŭg. 1934)

Dum la kongreso de Santander 1933 oni elektis Vienon por la kongreso 1934a. Sekve la okazintaĵoj en febr. 1934, kiuj kaŭzis la malpermeson de la aŭstria asocio, FIAI serĉis novan kongresurbon kaj trovis ĝin en la ĉeĥa ĉefurbo. La unua ago de la kongreso estis sendi dankleteron al s-ro Moŝto la prezidanto Masaryk, esprimante la grandan dankon al la ĉeĥa respubliko, kies fideleco al la demokratiaj principoj permesis reunuiĝi kaj debati suverene.

La kongreso esprimis pere de serio da proponoj sian solidarecon kun la geinstruistoj aŭstriaj, bulgaraj kaj latvaj kaj kun Gloeckel; decidis starigi kapitalon por helpi al geinstruistoj maldungitaj aŭ ekzilitaj.

Du demandojn oni prijuĝis: 1e la preparadon de la geinstruistoj kaj 2e la liberan tempon de la junaj homoj.

Pri la preparo de la geinstruistoj oni eldiris sian preferon por:

a. formado per universitato, laŭ kondiĉoj propraj al ĉiu lando,

b. nura dungado de geinstruistoj kompetentaj por ĉiuj klasoj,

c. formado ĝenerala kaj profesia sur la sama bazo por ĉiuj instruantoj (instruistinoj, instruistoj de unu- kaj mezgradaj lernejoj); formado sin konformigita al la naturo de ĉia lernejo.

Pri la libera tempo de junaj homoj la kongreso konfirmis la rezoluciojn de la antaŭaj kongresoj en Stockholm kaj Santander. Krome la kongreso de Praha eldiris sian preferon por:

1e. ĉiu sistemo, kiu donas al la senlaboraj gejunuloj la eblecon ricevi instruadon, vere eduka sed ne dresa.

2e. ĉiu eduka sistemo, kiu permesos al la junularo senlabora rezisti al la senmoraliĝado kiel rezulto de la senlaboreco, senmoraliĝado, kondukanta al perdo de socia sento kaj faranta de tiu junularo facilan kaptaĵon por la falsaj doktrinoj, kiuj anstataŭigas per la forto kaj la nacia egoismo la racion kaj la zorgon pri la komuna volo de la civitanoj.

La asocioj apartenantaj al FIAI, dezirantaj disvastigi inter la junularo la volon por internacia kooperado, sin deklaras pretaj plifaci-

ligi la internaciajn interŝanĝojn de la junularo kaj kunlabori por tiu celo kun la asocioj de la junular-gastejoj.

La angla delegacio proponis okazigi la kongreson 1935 en OXFORD samtempe kun la kongreso de la World Federation of Education Associations kaj aliaj internaciaj pedagogiaj organizoj. La propono estis akceptata.

*(laŭ »L' Ecole Libératrice«)*

---

# La TAGE-kunveno en 1935

## Instruista semajno en Nederlando

Laŭ sugesto de anglaj kolegoj kaj en kunlaboro kun la Cseh-Instituto la laborkomitato de TAGE intencas eksperimente okazigi kunvenon de gekolegoj (TAGE-anoj aŭ ne-anoj) en la Esperanto Domo, dum unu semajno (eble 25—31 julio).

Kvankam ankoraŭ ne estas starigita definitiva programo, ni jam povas sciigi, ke okazos multaj ekskursoj en la ĉirkaŭaĵo de Arnhem, kaj ke dum la lastaj tagoj ni intencas rondvojaĝi kaj i. a. viziti la senakvigitan parton de la Zuiderzee (Suda maro) kaj la grandiozajn kluzojn en la digo. Krome okazos prelegoj kaj en unu vespero la oficiala kunveno de TAGE.

Ni kore invitas la geinstruistojn partopreni en tiu instruista semajno. Vi jam povas sendi vian aliĝon al nia sekretario.

En la sekvonta numero de IPR ni donos pli precizajn informojn, rilate al programo kaj kotizo.

La tutan kotizon por restado, ekskursoj, ktp. ni kalkulas proks. 40 ned. guldenojn.

Venu grandnombre kaj jam sendu vian aliĝon!

Se tiu ĉi semajno sukcesos, TAGE daŭrigos okazigi sammaniere kunvenojn kaj ekskursojn de geinstruistoj en aliaj landoj.

---

# „Centra edukado“ en la angla kamparo

Ĝis antaŭ kelkaj jaroj la infanoj de anglaj urboj havis instruadon pli bonan ol en la kamparo. Vilaĝaj lernejoj kompreneble estas malgrandaj, kaj ofte unu instruisto devas instrui geinfanojn de ĉiuj aĝoj. Tamen dum la lastaj jaroj estas movado por establi aranĝon de ‚Centraj Lernejoj« kiujn la infanoj el multaj vilaĝoj povas senpage ĉeesti. Unu el la plej bonkonataj el tiaj lernejoj estas ĉe Alford en la graflando Lincolnshire. Alford estas urbeto de 2000 loĝantoj, sed ĝia lernejo estas unu el la plej bonaj de tiu tipo en la tuta lando. Estas 500 geinfanoj kiuj estas alportataj en ok propraj omnibusoj senpage el ĉirkaŭaj vilaĝoj ĝis dek kilometroj da distanco. La instruado estas speciale praktika. Krom la kutimaj studoj, la knaboj pasigas tri horojn semajne en la ĉarpentejo kaj du horojn en la ĝardeno lernante kultivon. La knab-

oj mem jam konstruis sportpavilonon, kaj baldaŭ konstruos vitrodomon por plantoj. La knabinoj lernas anstataŭe kuiron kaj kudron. Ĉiuj geknaboj post ilia dekunua jaro lernas sciencon — ĥemion, fizikon kaj biologion. La scienco rilatas speciale al terkultivado, kaj estas granda bonekipita laborejo, kie oni faras multajn agronomiajn eksperimentojn. Unu ĉambro estas mallumigebla, kaj oni havas kinematografon. De tempo al tempo oni prunte obtenas filmojn senpage de la »Imperia Instituto« en Londono, kaj ankaŭ page de Kodak kaj aliaj firmoj. La geknaboj havas ankaŭ radiolecionojn, ĉar la anglaj stacioj dissendas ĉiutage specialan programon por lernejoj.

Ĉi-tiu moderna lernejo estas speciala fama pro sia tagmeza manĝado-sistemo, kiu estas pli malkara ol ie ajn en la tuta lando. Po du pencoj tage (20 svisaj centimoj) oni povas havi bonsatigan varman manĝon, kiu konsistas el viando, legomoj, kaj pudingo aŭ frukto. 250-300 geknaboj havas ĝin tage kaj preskaŭ la tuta laboro estas farata de la knabinoj, el kiuj dekdu estas elektitaj ĉiutage.

Dufoje en la semajno estas klubvespero, kiam la geknaboj povas ludi, debati, gimnastiki kaj tiel plu. Spite de la nuna malriĉa monpozicio de la tuta mondo, Anglujo rapide progresas pri la edukado, kaj oni ne plu povas diri, kiel en la estinteco, ke la vilaĝaj infanoj estas malprizorgataj, kaj ke la urbaj infanoj havas ĉion kion ili bezonas.

*A. W. Leftwich*

---

## LIBROJ

*Romano pri afrika bieno.* de Olive Schreiner.
Tradukita de Stephen A. Andrew.
Eldonis: The Esp. Publishing Company Limited, London.
Tre interesa, speciale por nederlandanoj. Sufiĉe bone tradukita. Kelkaj eraroj, sed ili ne tro ĝenas.

*Arthistorio.* de A. Hekler, profesoro de arthistorio.
Tradukis K. Kalocsay. La unua parto pritraktas la belajn artojn ĝis la Renesanco. Belega, bonega libro, speciale por instruistoj, kiuj instruas historion.
Ni laŭdu Lit. Mondo, ke ĝi eldonis ĉi tiun valoregan verkon.

*Infanoj en Torento.* Originale verkita de Stellan Engholm. Kolegoj, legu ĝin. La stilo estas bonega, kaj tamen simpla. Engholm pruvas, ke li konas la infananimon. Tre rekomendinda libro.
Eldonis: Literatura Mondo. *B.*

## Abonprezo de IPR

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de TAGE.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guld.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ceĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 75 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svedujo** | 6 | kron. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.
2) Ne sendu poŝtmarkojn.
3) Sendu papermonon en registrita letero.
4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.
5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de TAGE

Vian kotizon akceptas. En landoj:

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE, Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstra:** (vakanta)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeeksche-steenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, gimnazia instruisto, TIRNOVO.

**Ceĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio Poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21. Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**DANA:** S. Kr. Nielsen, FEDERICIA Sundegade 3.

**Estona:** vakanta.

**Finnlanda:** Elmi Tamminen. Sitavuorenranta 4. A. HELSINKI.

**Franca:** F. Verot. Rue des Villas. St.-ETIENNE. (Loire). Poŝtĉekkonto: 37421 Lyon.

**Germana:** K. Hofmann, RIESA, Felgenhauerstr. 63. Poŝtĉekkonto: 26379 Dresden.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd. Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Stanko Prvanoviĉ. BENKOVAC (Primorska ban.)

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda:** M. van Mullem. 0.58. OPHEMERT. kasisto: E. A. Koot, UTRECHT W. v. Noortstr 10. Poŝtkonto nro 176356.

**Nederlanda Hindujo:** vakanta.

**Norvega:** Nils Okland. Rommesveit. Stord.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÉVE.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készítette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős